# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

23a jaro | Marto/Aprilo 1971 | N-ro 2

# La IFEF-trajno survoje al MARIBOR, la venonta stacio

*Gaje ni kantu*
*dum nia vojaĝo,*
*ĉion forgesu*
*pri laco kaj aĝo.*
*Kune ni estas*
*ĝojo nur restas,*
*kaj ĉiun horon*
*ni festas!*

*(Ida Christensen)*



Bildkliŝo: NSB, Oslo.

*Gvidartikolo:*

# LA FAK-ASOCIO

La esperanto-movado laŭstrukture estas kompleksa organizaĵo, kiu ofte konfuzas multajn novajn geesperantistojn.

Ekzistas ja diverskategorie asociaj kaj individuaj membroj de internaciaj kaj naciaj, ĝeneralaj kaj fakaj, neŭtralaj kaj neneŭtralaj asocioj.

Tian komplikan staton iom post iom estigis la historia disvolviĝo de la movado kaj evidente klarigas la socia naturo de komuna lingvo. Estas memkompreneble, ke Lingvo Internacia laŭdestine fariĝas ankaŭ interfaka, kia ajn estas la fako profesia aŭ teknika, kultura aŭ sporta, sindikata aŭ politika, religia aŭ filozofia, k.t.p.

Nu, kiuj estas la celo, strukturo kaj destino de la ĝenerala movado? Tio ĉi pli klare kaj facile prilumas tiujn de ĉiu faka asocio.

La celo formulita en la «Deklaracio pri esenco de Esperantismo» (1905) estas koncize esprimita en la statuto de Universala Esperanto-Asocio: «disvastigi la uzadon de la Internacia Lingvo Esperanto» kaj «plifaciligi la ĉiuspecajn spiritajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri nacieco, raso, religio, politiko aŭ lingvo» (kiu lasta parto respondas al la tielnomata «interna ideo»).

Universala Esperanto-Asocio, kiu origine simpla asocio konsistis nur el individuaj personoj, prezentiĝas nun kiel miksa federacio de naciaj kaj fakaj branĉoj kaj ankaŭ de individuaj membroj.

Tiu ĉi ĝenerala kaj historia grupiĝo havas la gravegan avantaĝon ebligi ian kunordigon de la agado inter ĉiuj geesperantistoj, ian elekton inter la prioritataj objektivoj atingotaj, ian ĝeneralan reprezentadon de la samideanaro ĉe la internaciaj instancoj kiel UNO kaj UNESCO.

Sekve, la Universala Asocio «Kreskigas inter siaj membroj fortikan senton de solidareco . . . okazigas la Universalajn Kongresojn . . . kreas internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio».

Interalie, ekzemploj de tiaj servoj estas la magnetofona servo (kiu nun proponas ĉirkaŭ 300 registraĵojn), la delegita reto, la Centro de Esploro kaj Dokumentado

Daŭrigo paĝo 28.

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Sekretariejo: E. Kruse, D-6 Frankfurt (M) 70, Schweizer Str. 104, Germanio**

**Redaktoro: Per Johan Krogstie, N-2340 Løten, Norvegio**

**Bankkonto: Thurgauische Kantonalbank, CH-8590 Romanshorn, Svisio**




23-a INTERNACIA FERVOJISTA
ESPERANTOKONGRESO
MARIBOR, 15.—21. 5. 1971

Konstanta adreso: 23-a Kongreso de IFEF
YU-62 000 MARIBOR, Jugoslavio.

Bankkonto: 518-620-1-32002-10/181 KB
Maribor, Jugoslavio.

Maribor, 1. 2. 1971

# Informa Cirkulero

La jugoslavia registaro 24. 1. 1971 devalorigis la nacian valuton DINARO-n je 20 %, tiel ke la rilato Dinaro: USA-dolaro estas nun — 15 dinaroj = 1 dolaro, antaŭe estis 12,50 dinaroj = 1 $.

LKK havas la devon atentigi la kongresanojn, ke *la prezoj en la gastejaj entreprenoj, precipe en hoteloj, ne fariĝis pli malaltaj,* ĉar la hoteloj kaj restoracioj ĉiam en siaj prezaroj indikis la prezojn ankaŭ en USA-dolaroj.

Simile ni en la aliĝilo indikis la kotizon, kvankam en parentezoj, en dolaroj: ĝis 31. 1.1971 — 8 $, post tiu dato 10 $.

LKK urĝe petas ĉiun atenti je tiu ĉi nova situacio. La kongresanoj, do, ne profitos pro la devalorigo de dinaro, sed ankaŭ ne sentos ian domaĝon!

LKK petas, ke ĉiu nova aliĝinto post 1. 2. 1971 pagu la kongreskotizon en sia valuto laŭ egalvaloro de 10 $, la emerituloj kaj familianoj duonon de tiu sumo — 5 $.

*Eksterlandanoj ne sendadu al LKK monon per poŝto kaj al poŝtĉekkonto aŭ dinarojn, sed nur per la banko al bankkonto indikita sur la aliĝilo!*

Se la mono estas sendita per poŝto, LKK perdas multon pro ŝanĝado de tiuj bagatelaj sumoj en nacia banko kaj pro ege altaj tiurilataj taksoj. LKK tion antaŭe ne sciis kaj ne povis antaŭvidi tiun fakton.

Inter la ricevitaj pagoj estas kelkaj, ĉe kiuj LKK ne povas diveni, kiu sendis la monon, ĉar sur la banka «informilo» estas indikita nur la eksterlanda banko kaj rimarko «por la 23-a kongreso», sed mankas la nomo de la paginto — sendinto. Tial LKK ne scias al kiu sendi la kongreskarton. La aliĝintoj, kiuj dum konsiderinda tempo post la pago ne ricevis la kongreskarton, *bonvolu skribi al LKK, al kiu banko ili konfidis la sendon de sia mono — kotizo.*

Ankoraŭ unu peto al kongresanoj: *unuopuloj kaj grupoj anoncu al LKK la tagon, trajnon kaj horon de sia alveno en Maribor* laŭ la nun valida horaro.

LKK kore dankas vin pro via helpo kaj sincere salutas vin!

Sekretario: *Ludoviko Prebil*

Prezidanto: *Alojz Pratnemer*

*

*Statistiko:*

Aliĝis entute ĝis 1. 3. 1971: 445 personoj.

Daŭrigo paĝo 32.

*Dragutin Buha, honora prezidanto de JAFE:*

# VIGLA SOCIA VIVO DE JUGOSLAVIAJ FERVOJISTOJ

Celkonscia utiligo de libera tempo estas granda problemo de la moderna homo, kiu bezonas ĉiam pli malmulte da tempo por realigo de siaj profesiaj celoj. Apliko de modernaj maŝinoj kaj evoluigo de labormetodoj multoble altigas la produktec-gradon en ĉiuj branĉoj de ekonomia aktiveco kaj ebligas al la moderna homo limigi laborsemajnon plej ofte al nuraj 42 horoj. Pro tio ĉiam pli intense stariĝas la demando kiel okupi sin dum la libera tempo kiu ĉiam plilongiĝas.

Samaj problemoj stariĝas antaŭ la fervojistoj kvankam ne ankoraŭ en la sama grado pro diversaj specifaj problemoj de la fervoja ofico oftaj vojaĝoj ekster la loĝloko, neregula labortempo ktp. Tamen ankaŭ la fervojistoj disponas pri ĉiam pli longa libera tempo kaj klopodas utiligi ĝin kiom eble pli prudente.

Jugoslaviaj fervojistoj en sia libera tempo disvolvas tre intensan socian vivon en kadro de diversaj kultur-artaj, klerigaj, sportaj kaj aliaj societoj. Precipe gravan rolon en ilia kultura kaj amuza vivo ludas tiel-nomataj kultur-artaj societoj kiuj amplekas plurajn sekciojn: korusajn, folklorajn, kantoj kaj dancoj de jugoslaviaj popoloj, muzikajn, teatrajn ktp. Tiuj societoj per siaj oftaj prezentadoj okupas gravan lokon sur la plano de celkonscia utiligo de libera tempo de fervojistoj kaj iliaj familianoj. Krom tio, ili tre ofte gastludas ĉe fervojistoj en aliaj landoj alproksimigante tiel al ili popolan folkloron de Jugoslavio kaj kreante novajn amikajn rilatojn kun kolegoj en la tuta mondo.

El la granda nombro de tiaj societoj pli ol 30 sur la reto de Jugoslaviaj Fervojoj la plej elstaraj estas: «Branko Cvetkovic» el Beograd, «Vinko Jedjut» el Zagreb, «Tine Rozanc» el Ljubljana, «Vaso Miskin-Crni» el Sarajevo, «Vlado Tasevski» el Skopje kaj aliaj. Preskaŭ ĉiuj societoj portas la nomon de fervojistoj — popolaj herooj falintaj en la Naciliberiga Batalo de jugoslaviaj popoloj.

Kultur-artaj societoj flegas tre intensajn amiakjn rilatojn ne nur inter ili mem, sed ankaŭ kun similaj grupoj en eksterlando. Tiel ekzemple, la societo «Branko Cvetkovic» jam dum 15 jaroj flegas amikajn rilatojn kun fervojista folklora grupo «Savoie» el Chambéry Francio. Dum oftaj gastludoj en eksterlando inter alie ankaŭ dum niaj kongresoj, ekzemple, en Bruselo tiuj societoj atingis plurajn gravajn sukcesojn kaj premiojn. La societo «Vlado Tasevski» akiris ekzemple la unuajn premiojn en folkloraj festivaloj en Langolen Anglio kaj en Dijon Francio, koruso de la societo «Branko Cvetkotvic» ricevis la unuajn premiojn en festivaloj de Langolen kaj Arezzo Italio ktp.



*Jugoslavia popoldancgrupo.*

Inter jugoslaviaj fervojistoj estas ankaŭ evoluigita sporta vivo laŭ diversaj disciplinoj. Preskaŭ en ĉiuj pli grandaj lokoj kaj fervojaj nodoj ekzistas diversaj sportaj kaj gimnastikaj societoj. En malgrandaj lokoj ekzistas sekcioj kaj kluboj kiuj ankaŭ aktivas en iu sporta disciplino. Entute ekzistas pli ol 60 fervojistaj sportaj societoj kun kelkaj miloj da membroj el la vico de fervojistoj. Estas menciinde ke en pluraj fervojistaj sportaj societoj maturiĝis tre valoraj sportistoj kaj eĉ naciaj ĉampionoj.

En kadro de fervojistaj sportaj societoj oni dediĉas atenton al pluraj sportaj disciplinoj. Plej popularaj disciplinoj estas pilkludo, korb-pilkludo, tablo-teniso, hazeno, boksado kaj luktado. Multaj fervojistoj estas ankaŭ aktivaj en societoj por ĝenerala korpa edukado nomataj «Partizan» kie oni ekzercas kuradon, saltadon, ĵetadon de kuglo, lanco kaj disko, naĝadon ktp.

Aparte granda intereso regas inter fervojistoj por ŝakludo. Ĝi estas sen ia ajn dubo la plej populara ludo de multaj fervojistoj. En ĉiuj kolektivoj kie ekzistas eĉ plej malgrandaj societaj ejoj oni certe trovos ankaŭ ŝakgarniturojn kaj ĉirkaŭ ili kolektitajn fervojistojn.

Socia aktiveco de jugoslaviaj fervojistoj sur la internacia plano disvolviĝas en kadro de la Internacia Federacio de Artaj kaj Intelektaj Fervojistaj Societoj — FISAIC. En kadro de FISAIC jugoslaviaj fervojistoj jam estis organizantoj de pluraj internaciaj kulturaj manifestacioj de fervojistoj: IFEF-kongreso en Rijeka 1957, foto-ekspozicio en Beograd 1966, arta ekspozicio en Beograd oktobro 1969 k.a. Pro sia aktiveco en kadro de FISAIC jugoslavia nacia FISAIC-komisiono estis siatempe ankaŭ distingita kaj dum pluraj jaroj estis portanto de mandato de vicprezidanto de la Federacio.

Multaj el jugoslaviaj fervojistoj aktivas kompreneble ankaŭ en esperanto-movado daŭrigante tiel tradicion de siaj antaŭmilitaj kolegoj kiuj dum pluraj jaroj estis surfrunte de la internacia esperanto-movado inter fervojistoj. En kadro de poresperanta aktiveco kiu disvolviĝas en pluraj fervojistaj esperanto-societoj estas lastatempe atingitaj kelkaj tre gravaj sukcesoj: traduko kaj aperigo de CIM 1968, aperigo de speciala lernolibro por fervojistoj 1965 kaj 1967, speciala varbafiŝo kun fervoja motivo, konversaci-gvidlibro kun esperanto-teksto, aperigo de esperanto-teksto en oficiala Horarlibro ktp.

Fervojistaj esperantistoj nun klopodas montri iliajn kapablojn ankaŭ per organizo de sekvonta IFEF-kongreso, kiu kiel konate, okazos en Maribor inter la 15-a kaj la 21-a de majo de ĉi tiu jaro. Honore al la kongreso ili klopodos, inter alie, aperigi ankaŭ jugoslavan tradukon de fervoja terminareto kaj tiel aliĝi al germanaj, hungaraj kaj norvegaj kolegoj kies terminaretoj jam aperis pli frue. Dum tiu kongreso ankaŭ aliaj societoj montros sian kapablon. La kongresanoj havos inter alie la eblecon observi kaj ĝui altvaloran programon de fervojista kultur-arta societo «Tine Rozanc» el Ljubljana kiu per kvalito de sia programo jam akiris vastan rekonon.

Por organizita socia aktiveco jugoslaviaj fervojistoj trovas ĉiam senrezervan moralan kaj materian apogon de unuopaj sindikataj filioj, sed ankaŭ en ĉiuj fakaj kaj memadministraj fervojaj instancoj. Tio ebligas al ili, malgraŭ al kelkfoje malfacilaj laborkondiĉoj ligitaj al ekzekuto de fervoja trafiko, tamen disvolvi tre intensan socian vivon kaj tiel celkonscie okupi sian liberan tempon per diversaj kulturaj sportaj kaj aliaj aktivecoj.

*

# POSTKONGRESO EN OPATIJA

La 21-an de majo 1971, kiam nia 23-a IFEF-kongreso finiĝos, vi ne ĉagrenu, sed daŭrigu la vojaĝon kun ni al la perlo de Adriatika Maro, al Opatija, unu el la plej konataj turismaj lokoj sur la Rivera.



*De Opatija.*

Ni forveturos de Postojna posttagmeze aŭ fruvespere per trajno kaj atingos stacidomon Opatija—Matulji.

Per aŭtobusoj ni atingos nian restadejon.

Opatija situas 14 km. for de la havenurbo Rijeka, kiun tiuj konas, kiuj partoprenis en la IFEF-kongreso tie en 1957. Jam de la fervojo en Opatija—Matulji malfermiĝas tre bela elrigardo al la tuta longa, pitoreska marbordo, — plena de hoteloj, vilaoj, parkoj, promenejoj, kampadejoj kaj banejoj.

Plej bone oni ekkonas ĉion, promenante, veturante sur ŝipoj, aŭ naĝante en la bela blua marakvo.

Nokte ni vidas katenon da lumoj, kiuj respegulas sin en la maro sub la klara ĉielo.

Vilaoj kaj hoteloj en Opatija situas en la deklivo de la monto Ucka, kiu donas bonan ŝirmon kaj ankaŭ bonajn eblecojn al sportludoj.

Sur la monto Platak, 1111 m. super marnivelo, atingebla post 1-hora vojaĝo, estas bonegaj eblecoj al vintra sporto, amuzo kaj refresiĝo.

Revene de la montaro atendas vin varma marakvo en la bazenoj, aŭ somereen eksteraj banejoj.

Sur la 30 km. longa marbordo troviĝas de Matulji — turismaj urbetoj kun la belega tropika vegetaĵaro, floranta kaj verda.

Tiuj estas: Volosko — fiŝista urbeto, Opatija, Icici, Ika, Lovran, — kie estas fervojista ripozejo, Medueja kaj Moŝceniĉa Draga.

Laŭlonge troviĝas plaĝoj.

Opitija estas konata jam 125 jarojn.

Hodiaŭ estas Rivera de Opatija, ripozejo kaj somerrestadejo, kiu per la suno kaj la milda mediteranea klimato allogas vizitantojn el la tuta mondo, dum la tuta jaro..

Car ĝi estas nature priŝirmita, ĝi estas ankaŭ ideala klimata sanigejo.

Meztemperaturo de la jaro estas 13° Celcius, kaj estas pli ol 2 000 sunbrilaj horoj.

Ekzistas 72 hoteloj de ĉiuj kategorioj por la restado dum la tuta jaro.

La prezoj estas en vintro malaltigitaj ĝis 60 %.

Kulturaj, amuzaj kaj sportaj programoj por distrado, ekspozicioj kaj aliaj manifestacioj, ekzistas dum la tuta jaro.

Unika estas la 12 km. longa promenejo «Lungomare».

Ekskursi oni povas al la grotoj de Postojna, de kie ni alvenos, — al la Lipica (ĉevalbredejo), al Plitviĉka Jezera — 16 lagoj kun akvofaloj, al Platak kaj Petehovac, al montaraj ekskurslokoj,

Daŭrigo paĝo 23.



# Junulara angulo



## LA 12a IFES EN CHATEL, FRANCIO

La 12a IFES okazis ĉijare en Chatel, 1200 m. super marnivelo, proksime de la limo al Svisio, apud la Geneva-lago.

Sekve de la situo, oni prenis la okazon transiri al la svisa vilaĝo Morgins, por tie aĉeti ĉokoladon kaj cigaredojn.

La restado en la hotelo estis ege plaĉa por la 46 gepartoprenantoj el 5 landoj, kun interkonatiĝa festo kaj karnavalo.

Komence oni spertis ke la aranĝo verŝajne fiasku, pro manko da neĝo, sed kiel miraklo ankaŭ ĝi ĝustatempe falis, sekve la vintra aspekto, kaj necesa fundamento por skiado alvenis.

*En la skikonkurso* partoprenis 35 gepartoprenantoj — jen la listo pri premigajnintoj. A) *Viroj:* Spertuloj: Christian Charras. Progesantoj: Vianney Harpet. Komencantoj: André Charras.



Foto: H. Bernier.
*La gepartoprenantaro en la 12a IFES.*

B) *Virinoj: Progresantinoj:* Janine Savary. Eta junularo: Corinne Vonay.

*Esperanto konkurso:* Spertuloj: Johano Mevel. Progresantoj: Dagmar Blaschke. Komencantoj: Marie-Noelle Flory.

Mallongigita el raporto
de H. Bernier.

---

Daŭrigo de paĝo 22.

## Postkongreso....

monto Uĉka (1396 m. super marnivelo), al Veprinac, Kastav, Moscenice, al Rijeka, al duoninsulo Istra, al Kvarner-insuloj, cetere al Trieste, Venezia kaj aliaj lokoj.

Je dispono estas avio-taksio, rent-a-car, aŭtobusoj kaj ŝipoj.

Dum la restado en Opatija ni povos vidi tiujn belecojn laŭ la propra volo kaj elekto.

Komuna ekskurso estos nur krozado en la Kvarner-golfo ĝis «Uvala Scott», alie estas libera programo, aŭ estos organizotaj ankaŭ aliaj vizitoj, laŭ la deziro de la gepartoprenontoj.

Anoncu vin al la adreso de la 23-a IFEF-kongreso Maribor por la postkongreso, kaj:

BONVENON AL RIVIERA
DE OPATIJA!

Fervojista Esperanto Societo Ljubljana
Mira Lipiĉar




# ADMINISTRAJ INFORMOJ

La unua estrarkunveno en 1971 okazis 6.—7. 3. en Salzburg (Aŭstrio). El la ampleksa tagordo estu menciitaj jenaj punktoj: La programo de la venonta IFEF-kongreso en Maribor kaj la malvalorigo de la jugoslavia dinaro, krome estis diskutita la evoluo rilate la planitan kongreson en Praha 1972, pri kiu ankoraŭ ne decidis la ĉeĥoslovakaj instancoj, kaj pri kiu la ŝancoj ne ŝajnas esti tro bonaj.

Pluraj traktaĵpunktoj i.a. estis statutproblemoj, landaj jarraportoj kaj la kontaktkunveno en la Universala Kongreso en London.

---

## Jarraporto de la sekretariejo pri 1970

*Antaŭrimarkigo*

Por pli bone povi kompari indikojn el antaŭaj jaroj, ni aplikos proksimume saman skemon en niaj jarraportoj.

*Niaj mortintoj*

Ni eksciis pri jenaj mortintaj membroj: Aŭstrio: Jozef Zink. Germanio: Oskar Bredermann, Alfred Dawid, Heinrich Funk, Fritz Hartjen, Wilhelm Jahnke, Erhard Redlich. Italio: Giuseppe Quarone, Mario Tommasini, Italia Goggi, edzino de D.ro Vittorio Ginliarini, Ottavia La Mura. Nederlando: Jan Tjasse van der Ploeg. Norvegio: Omar Pehrsen.

Ni konservu al ĉiuj bonan rememoron!

*Interna estrara laboro*

Daŭris la intensa kunlaborado dum la tuta jaro en tre harmonia sfero. Okazis du *estrarkunvenoj* dum la kongreso en Rimini, krome tri aliaj en februaro en Romanshorn (Svisio), en septembro en Kopenhago (Danlando) lige al granda dana informvespero, en novembro en Frankfurt/Main (Germanio).

Gravaj punktoj de la tagordoj estis la kongreso en Maribor kaj ties programo, laborplano, internacia afiŝo, la ĉiam pli graviĝantaj rilatoj al aliaj internaciaj organizaĵoj, plibonigo de «IF», kasaferoj, perfektigo de la informado, la junulara agado ktp. La estraro verkis la laŭstatutajn gvidliniojn por la redaktado de «IF», validajn ek de la 16an de majo 1970.

Kiel lastjare la ĉefkomitatano ĉeestis en parto de la kunsidoj kaj donis valorajn sugestojn por la federacia laboro.

Same kiel en la antaŭa jaro la estraro klopodis kiel eble plej ofte *persone kontaktiĝi* kun landaj asocioj.

La vicprezidanto vizitis la hungaran jarkunvenon en Budapest, la sekretariino la jarkunvenojn de Aŭstrio (Salzburg), Nederlando (Zwolle) kaj Francio (Tours). Ĉeestis danan informvesperon en Kopenhago prezidanto, sekretariino kaj redaktoro. Redaktoro ankaŭ partoprenis svedan jarkunvenon en Karlstad. Vizitis la ĉeĥoslovakan asocion kaj konferencis kun ties estraro la kasisto. Salutoj estis senditaj al ĉiuj elstaraj aranĝaĵoj, kiuj antaŭe estis konataj al la sekretariejo.

*Honorigoj*

Estas formita en la 22a IFEF-kongreso Rimini la Honora Patrona Komitato, kies

unuaj membroj fariĝis D-ro Emile Schlesser (Luksemburgo), ĝenerala prezidanto de FISAIC, Inĝ. J. A. Pahin (Parizo), prezidanto de la franca landa asocio de FISAIC, s-ro Pasquale Cecie, direktoro de regiono Bologna de la itala kultura organizaĵo fervojista.

Ricevis orajn medalojn de FISAIC la longjara iama sekretario de IFEF, Jan Jok (Nederlando) kaj la nuna prezidanto de IFEF, Joachim Giessner (Germanio).

*22a Kongreso*

Ĝi okazis en la semajno 16.—22.5. 1970 en Rimini (Italio). Tiu kongreso dekomence suferis pro eksterordinare malfavoraj cirkonstancoj en formo de diversspecaj strikoj, parte daŭraj, parte sporadaj. Inter alie strikis fervojistoj, ĵurnalistoj, poŝtistoj, ŝoforoj, turismaj agentejoj, do multsignifaj por ni branĉoj de la publika vivo. Tamen LKK kun forta subteno flanke de Dopolavoro Ferroviario, ĉefe en la persono de s-ro Ceci, majstris la situacion, tiel ke la programo sen gravaj mankoj povis ruliĝi. La honora nomo de tiu semajno sekve estis «kongreso de la strikoj». Aparte estu menciataj ĉi tie.

— la solena inaŭguro, en kiu konsiderinda nombro de gravaj personoj kaj gastoj ĉeestis speciale venintaj eĉ el Romo. Pozitiva sekvo estis, ke la transportministro post la kongreso dekretis aranĝi esperantokursojn inter fervojistoj.

— akurate funkcianta informa servo, kiun eĉ ne ĝenis la strikoj,

— bonege prezentita fakprelego pri transtrakpasejoj, temo aktuala kaj problemo multekosta por ĉiuj fervojoj. Dua faka teksto pri Eŭropa Fervojplano estis presita en la kongreslibro.

— ĝojige multnombre frekventitaj kunsidoj,

— reelekto de la kompleta estraro kaj elekto de nova junulara gvidanto (J. Mevel)

— akceptoj ĉe la komunumaj instancoj de Rimini kaj de Castel San Pietro Terme kaj la pluvoriĉa, tamen sukcesa inaŭguro de Zamenhofstrato en Castel San Pietro.

— senkostaj biletoj por la urbaj omnibusoj, granda faciligo konsidere al la longaj distancoj ofte veturendaj.

La statutkomisiono jam povis prezenti unuajn rezultojn de sia unujara laboro.

Pro la daŭre grimpantaj vivkostoj en tuta Eŭropo ankaŭ IFEF estis devigita plialtigi la jarkotizon de 3 al 5 svisaj frankoj, kiun neceson la komitato konsciis kaj jesis.

La kongreson por 1971 invitis Jugoslavio al Maribor, tiun por 1972 Ĉeĥoslovakio al Praha. Por 1973 escepte la komitato jam akceptis la danan inviton al Aarhus.

Plurajn informojn pri la kongreso de Rimini vi trovas en IF 3 kaj 4/70.

*Raportado*

Denove la ĉefkomitatano petis per speciala demandilo ĉiujn landajn asociojn verki siajn jarraportojn laŭ ties punktoj. Kun ĝojo ni povas konstati, ke helpe de tiaj demandiloj la *resumita* de kol. Walder *jarraporto* kiel lastjare donis bonan impreson pri la agado de nia federacio kaj de la landaj asocioj (komp. «IF» p. 43). Kompreneble oni kompletigu tiun re-sumon per la raportoj de la junulara sekcio, de la komisionoj kaj la protokol-ekstrakto pri la publikaj kunsidoj (IF 3/70). Cetere el la fakto, ke la komitato krom unu persono simple ne reagis al la protokolita demando pri la jarraporta resumo, oni povas konkludi, ke la komitatanoj kun formo kaj enhavo estas kontentaj.

*Informado*

Ankaŭ la informado daŭris ne nur grandstile dum la kongreso, sed multaj landaj asocioj ĉiam eluzas taŭgajn eblecojn por informi pli malpli vaste fakajn kaj nefakajn mediojn helpe de siaj landaj revuoj, specialaj artikoloj, resumitaj aŭ kompletaj prelegtekstoj, afiŝoj ktp.

Ankaŭ la belga landa asocio sukcesis aperigi regulajn informojn en la gazeto «le rail».

Multaj ekzempleroj de la tre plaĉe aspekta germanlingva traduko de la avignona fakprelego ankaŭ ĉi-jare estas petataj de interesuloj.

La internacie ĉie uzeblaj afiŝoj, pri kiuj decidis la komitato en Avignon, intertempe estas presitaj en Hungarujo kaj senditaj al la landaj asocioj. Ili nur portas unu vorton, nome «Esperanto» kaj povos esti variigataj laŭ multaj manieroj kaj tute laŭ la situacio.

*Eksteraj rilatoj*

Estraranoj kelkfoje partoprenis en gravaj manifestacioj de aliaj organizaĵoj:

En la Universala Kongreso de UEA en Wien ĉeestis prezidanto kaj sekretariino. Okazis kontaktkunveno sub gvidado de nia UEA-komitatano A, d-ro J. Bácskai kun 47 gekolegoj el 8 landoj. Ĉefaĵo estis fakprelego pri la aŭtomata kuplilo, verkita de inĝ. Huber. D-ro Básckai krome partoprenis kaj raportis en komitatkunsido de UEA.

Prezidanto kaj sekretariino ankaŭ reprezentis IFEF-on en la SAT-kongreso en Aŭgsburg (Germanio). La Prezidanto salutis en la inaŭguro.

En la ĝenerala kunveno de FISAIC en Nederlando partoprenis la vicprezidanto kiel oficiala reprezento de sia jugoslavia landa FISAIC-asocio. En la eŭropa kongreso de staciestraj amikaroj en Luksemburg prelegis la prezidanto pri la celoj kaj agado de la fervojistaj esperantistoj kun favora eho en la gazetaro.

Inĝ. Huger, prezidanto de la aŭstra landa asocio, ĉeestis kiel observanto en la kongreso de la Eŭropa fervojista asocio en Wien.

*Interkongresaj kontaktoj*

Krom la estraranoj ankaŭ la komitatanoj 3foje kontaktiĝis pere de cirkuleroj senditaj de la ĉefkomitatano. Ĉi tiu ankaŭ forsendis novan adresaron de la IFEF-funkciuloj tre bonvenan kaj demandilon pri 1970, laŭ kiu estos starigitaj la jarraportoj de la landaj asocioj.

*Evoluado en diversaj landoj*

Pri vigla laboro raportas niaj kolegoj el Rumanio. En Japanio kolektiĝas kolegoj, kiuj jam nun okupiĝas pri fervojaj terminoj kaj konvenciaj aferoj.

*Adoptantoj*

La sistemo de la adoptantoj estas daŭrigata. Ankaŭ dum la priraportita jaro tiamaniere povis esti membrigita konsiderinda nombro de kolegoj el nepagipovaj landoj! Koran dankon al ĉiuj donacintoj.

*Korespondaĵoj*

En 1970 estas prilaboritaj 270 alvenintaj kaj 306 forsenditaj skribaĵoj. Aldoniĝas la korespondaĵoj de la ceteraj estraranoj inter si kaj rekte kun aliaj adresitoj.

*Membrostato*

En nia lastjara raporto ni skribis pri 2701 membroj fine de 1969 (sen Bulgario). Post pago de la bulgaraj kotizoj la membronombro fakte estis 3001, t.e. ĝi atingis la unuan fojon la limon de 3000. Laŭ la lasta listo de la kasisto la sumo de pagitaj kotizoj fine de 1970 estis 3050.

Al tiu plura progreso ĉefe kontribuis Ĉehoslovakio kaj Svedio. Tio estas tre

ĝojiga fakto kaj tiu nombro estus ankoraŭ multe pli alta, se la neefektivaj membroj el nepagipovaj landoj povus kotizi laŭvole. Sed ni konsciiĝu pri la stagnado en deko da landaj asocioj, dum en Britio, Nederlando kaj Norvegio ekestis ioma regreso. Same klare estas ke ĝenerale la respondeculoj ekkonas tiun danĝeran problemon, kiu nepre estas solvenda. El kelkaj landoj la grupoj vere streĉas por havigi al si novajn adeptojn. Sed la sumo de tiuj klopodoj ne sufiĉas. Ni ripetas nian eldiron fine de nia lastjara raporto: «Se ni mem estas konvinkitaj pri la bona kvalito de nia afero, ni devus kapabli konvinki ankaŭ aliajn.»

Frankfurt (M), la 10an de februaro 1971

Sekretariino E. Kruse

---

# Jarraporto de la redaktoro pri 1970

1970 estis la jaro de ŝanĝo por nia revuo.

Ĝi ricevis alian, pli modernan formaton, nome DIN A5, cetere novan titolon kaj novan kapon.

En la jaro aperis 6 numeroj, entute kun 96 paĝoj, kaj la nombro da ilustraĵoj (t.e. fotoj, insignoj kaj desegnaĵoj) estas 61. Se eble, ĉiu numero ne estu pli grandformata ol 16 paĝoj, kun nur 4 ilustraĵoj pagitaj de IFEF.

Se la redaktoro povas havigi al si pretajn bildkliŝojn — prunte aŭ donace, estas avantaĝo por la aspekto de la revuo.

Kiam nun la jarraporto verkiĝas, estas interese konstati ke la plimulto de la ilustraĵoj apartenas al la kategorio *pruntepretitaj aŭ donitaj* al ni. Cetere ellaboriĝis gvidlinioj por la redaktado, kiuj grave faciligas la laboron de la redaktoro.

Laŭ tiuj, ĉiuj eroj de la enhavo havas sian certan lokon. Tio sendube donas al la revuo profilon, espereble je plaĉo de la legantaro.

Mi deziras esprimi mian sinceran dankon pro la fido montrita al mi, nome ke mi reelektiĝis redaktoro.

La tasko plaĉas al mi, kaj mi esperas ke tion kion mi faras plaĉas al ĉiuj legantoj.

Ke multaj ŝatas la revuon, pruvas la amaso da salutleteroj kaj poŝtkartoj kun laŭdaj vortoj, kiuj stimulas mian laboron.

Koran dankon al ĉiuj!



Bildkliŝo: Stiftstidende, Hamar.

*La redaktoro planas novan numeron de IF kun helpo de presistoj.*

Sed estas maljuste sole enkasi ĉion laŭdon. Sole mi ne povas krei revuon, sekve mi ĉi tie en la raporto mencias tiujn kiuj meritas laŭdon. Unue la kunestraranoj, kiuj konsilas min, kaj tre objektive kaj konstruktive kritikas mian laboron.

Due mi direktas parton de la laŭdo al la personaro en la presejo de A. Sæther A.s. kiuj tre afable helpas min.

Daŭre mi donas parton al la korektaĵleganto, Per Engen, kiu kun atento serĉas preserarojn en la kompostaĵ-kopioj.




Kliŝo: Norsk Jernbaneforbund.

*B.v. ne sekvi la ekzemplon de tiu kontribuaĵ-verkisto, ne verku tro longe, kaj tajpu en klara lingvo.*

Kiel ĝis nun, mi deziras kontribuaĵojn de la legantaro, tre volonte kun ilustraĵoj, preferinde estas pretaj klisoj en konvena formato por revuo en DIN A5.

Fine mi esprimas personan deziron al ĉiuj verkistoj de kontribuaĵoj.

B.v. nur sendi al mi tajpitajn manuskriptojn, ne tro longaj, kaj en korekta, konciza lingvo.

Per tio vi helpas min multe en la plenumado de mia tasko.

N-2340 Løten 1. 3. 1971

*Per Johan Krogstie*
Redaktoro.

## Nekrologo

En Landeck-Perjen, Aŭstrio, mortis la fidela IFEF-ano Alois Hilkersberger la 11an de februaro ĉijare.

IFEF kondolencas al la familio kaj al la aŭstra sekcio.

Daŭrigo de paĝo 18.

## La fak-asocio

. . . Tiel la asocio bazas sian agadon sur por- kaj prilingva kampo, subtenante cetere la Akademion de Esperanto. Krom la prilingvaj institucioj kiel la Akademio kaj la nacilingvaj institutoj, sendube la destina perspektivo de la ĝenerala movado estas estonta malaperiĝo, kiam la Lingvo Internacia estos plene disvastigata, oficiale agnoskita kaj uzata tra la tuta mondo.

Kiel prezentiĝas nun la celo, strukturo kaj destino de faka asocio?

Estas nuna eraro pensi, ke ĉi tiu konkurencas aŭ duobligas la asociojn de la ĝenerala movado; male, kaj precipe se la fako estas neŭtrala (profesia, teknika, kultura, sporta), ĝi plej ofte aliĝas kaj ĉiuokaze povas kaj devas helpi al ili sur iliaj respektivaj teritorioj monda, nacia, regiona, kaj loka.

La faka asocio esence celas pli koncentri siajn pensadojn por la distivastigo kaj uzado de la Lingvo Internacia en unu speciala socia medio.

Daŭrigo paĝo 30.



# FERVOJNOVAĴOJ

## Jam hodiaŭ komputeroj direktas la fervojon de morgaŭ

*Teledirektita lokomotivo*

Plej altrangaj eminentuloj kaj fakuloj de la Germana Federacia Fervojo sin informis en transportdirekta centrejo, troviĝanta en tielnomata «cibernetika insulo» en Hannover, pri la plej aktuala stato de la aŭtomacio. Ili observis, kiel aŭtomato sur elektra lokomotivo, kiu veturis ie inter Hannover kaj Hamburg per rapideco de 200 km/h., tute memstare transprenis ĉiujn funkciojn, dum la kunveturanta lokomotivestro metis siajn manojn en la sinon. Ĉi tiu lokomotivo plenaŭtomate regulis sian veturadon kaj bremsadon. La necesaj direkt-komandoj venis el komputero de la «transportdirekta centrejo» en Hannover. Neimageblajn eblecojn oni povis antaŭsenti en tiu momento. Ĉar iun tagon centraj komputeroj senpere direktos lokomotivojn kaj trajnojn en vastaj regionoj de la fervoja reto.

*Voĉo el la komputero*

Tamen la inĝenieroj, kiuj en la provizore limigita regiono de tiu «cibernetika insulo» jam realigis karakterizajn trajtojn de l'estonta fervojo, perpleksigis per pliaj surprizoj. Ekzemple la 22 stacioj kaj blokstacioj de la ĉirkaŭ 100 km longa linio Wunstorf (ĉe Hannover) ĝis Bremen jam nun estas «tele-provizataj» el komputeroj de tiu transportdirekta centraĵo. Helpe de la programigado kaj pere de indikoj akiritaj laŭlonge de la linio parte aŭtomate, parte donitaj per tele-tajpilo, la komputero teletajpe donas ordonojn al la lokaj trajnekspedistoj. Ĉiu trajno veturanta sur la linio, estas konata en la komputero kun ĉiuj necesaj indikoj. Tiamaniere kajodeĵoranto el iu ajn stacio povas tlefone demandi la komputeron, elektante sur sia telefonaparato la numeron de la respektiva trajno, ĉu ĉi tiu trajno venos akurate aŭ ne. La voĉo, kiu klare kaj bone kompreneble lin informas, venas el la elektronika cerbo. La unuopaj vortelementoj tiom rapide estas vokataj el la kolektildisko, ke estiĝas kompletaj vortoj kaj frazoj. Sammaniere manovristoj povas ricevi ordonojn per radiofonio rekte el la komputero. Kaj tial ili povas esti integrataj en komputere direktita laborprocedo. Ankaŭ tion la cibernetikistoj de la federacia fervojo impresplene demon--stris.

*Ĉiu vagono tuj trovebla*

La cibernetika insulo cetere ampleksas kromajn multe pli vastajn fakojn. Ekzemple jam nun oni povas centre regadi la vartrafikon en la regiono de Hannover pere de du komputeroj. La trajnoj, alproksimiĝantaj al la granda manovra stacio Seelze apud Hannover, antaŭe estas anoncitaj. La indikoj por tiaj vagonoj, kiuj estas transdonitaj al la fervojo en la regiono mem de Hannover jam en la respektiva varoficejo estas fiksataj helpe de la frajt-registrilo. Aliaj indikoj, kiuj aldone necesas por la manovra tekniko, estas aŭtomate elvokataj el centra vagonregistrejo. Per tio la komputero de la manovra stacio starigas la planojn por la ordigmonto, povas kon-

stati la vojon de ĉiu unuopa vagono kaj tuj eltrovas mismanovron, donas ordonojn por la trajnformado kaj kuplado kaj presas trajnlistojn.

Krome la stacia funkcikontrolejo ĉiumomente havas la eblecon, havigi al si helpe de la komputero tujan superrigardon pri la funkcia situacio kaj tiel optimume povas fari siajn decidojn. Ekzemple oni povas presi la tielnomatan «trakspegulon» — tio estas la laŭnombra okupstato de la unuopaj klasifiktrakoj per varvagonoj — aŭ eĉ povas vidigi ĝin sur televida ekrano. Kaze ke oni serĉas certan vagonon, sufiĉas demando al la komputero. Post malmultaj sekundoj ĝi precize respondas, kie la serĉata vagono troviĝas. Ankaŭ eblas eltrovi la kvotojn laŭ direktoj kaj celoj de la vagonoj rulantaj en la alproksimiĝantaj vartrajnoj. Tiamaniere oni povas formi rektajn trajnojn, kiuj preteriras manovradstaciojn, kiuj kutime estas uzataj por tiaj komunikiĝoj. Dua (proces-)komputero direktas en la stacio la ordigmontan lokomotivon per radio, la montajn kaj klasifiktrakajn bremsojn, ĝi akurate komutas la pintrelojn kaj havas plurajn taskojn por la disranĝado de la trajnoj alvenintaj.

Kiam por la «fervojo de la estonto» estos estiĝinta el cibernetika insulo tuta cibernetika lando, tiam trajnoj, vagonoj kaj pecaĵsendaĵoj povos atingi siajn celojn komplete direktitaj de komputeroj.

Ekstrakte tradukis el «DB-pressedienst»

*Joachim Giessner.*

---

Daŭrigo de paĝo 28.

## La fak-asocio

Ekzemple; la pravo de ekzisto de fervojista asocio estas grupigi ĉiujn aktivajn kaj emeritajn fervojistojn scipovantajn aŭ lernantajn la Lingvon por prezenti ĝin kaj defendi la profesiajn interesojn ĉe la fervojistaj aliaj organizaĵoj kaj oficialaj instancoj.

Unuvorte temas pri specialigita agado, kiu precipe koncernas la apartajn interesojn de la determinita medio kaj favoras la estiĝon de fakterminaro; tia agado estas ĉefe por- kaj per-lingva: porlingva ĝi aligas la asocion al la ĝenerala movado; perlingva ĝi estas pli propra al la fak-asocio kaj aligas ĝin al la aliaj asocioj de la medio.

Tial la destina perspektivo de fak-asocio estas tute malsama: se ĝi kompetente kapablas penetri sian medion kaj bone reprezenti ties interesojn ĝis la plej altaj instancoj ĝi evidente daŭrigos sian peresperantan vojon, eĉ post kiam la poresperanta estos finita kaj la ĝenerala movado malaperinta.

Sume ĉiu celkonscia esperantisto principe aliĝas al la ĝenerala movado kaj al la fak-asocio de sia profesio.

*Jean Thierry*
(UEA estrarano)
(El «Esperanto-Fervojisto» de FFEA)



## EL LA FERVOJISTA MONDO

*Aŭstrio:*

48 partoprenintoj ĝuis la amikan atmosferon dum la skisemajno 13.—20. 2. en la alpa gastejo «Strussing», Werfenweng ĉe Salzburg. La programo enhavis

lumbild- kaj filmprelegojn, prelegon pri Esperanto en la praktiko, amuzan kaj karnavalan vesperojn, skiadon ski- kaj manlaboran konkurojn.

*

*Danio:*

Okaze de 25-jara jubileo de DJIF (Dana unuiĝo por sporto, arto kaj intelekto) en junio ĉijare, oni planas ekspozicion en grandega halo en Fredericia (grava fervoja centro en Danio).

Ankaŭ DEFA partoprenos en la aranĝo, kaj deziras ke oni alsendu ĉiajn esperantolingvajn broŝurojn, fervojajn horarojn kun klarigoj en Esperanto, fotojn pri stratoj kaj monumentoj portante nomon de Zamenhof aŭ Esperanto, poŝtmarkojn kun teksto en Esperanto, IFEF-kongresaĵojn — speciale oni mankas ĉion de la Varnakongreso (aliĝilo, kongreskarto, insigno kaj libro).

DEFA anticipe dankas al ĉiuj kiuj volas helpi.

Ĉion koncerne la ekspozicio oni sendu al: I. Kensing, Assensgade 18, DK-8000 Århus C, Danio.

*

*Estonio:*

Lastatempaj eventoj en soveta Estonio pruvas, ke Esperanto trovis lokon kiel en antaŭmilitaj jaroj. Post ministeria permeso instrui la internacian lingvon en la oka klaso de lernejoj jam antaŭ jaro, la eduka minsterio nun permesas instruadon de la oka ĝis la dekunua klaso kiel fakultativa lernobjekto.

Jam Esperanto kaj Heroldo raportis pri somera seminario por instruistoj en Tallin. Tiu atingaĵo ĉe registaraj instancoj estis la ĉefa merito de nia kolego Johano Palu, kunlabore kun samlandaj geesperantistoj. Jam rezulto estas videbla: en 16 estonaj lernejoj estas instruata Esperanto kiel libervola fako. Instruas ĉefe instruistoj kiuj somere partoprenis tiun seminarion.

Por helpi la instruadon estas nun verkata legolibro por novuloj. Vortaro esperanta-estona baldaŭ aperos kaj la estona ŝtata eldonejo prenis en sian eldonplanon eldoni ĉiujare po unu esperantlingvan libron el la plej bonaj literaturaj verkoj de estonaj verkistoj. La unua aperos 1971: «Noveloj» de Lilli Promet.

En septembro 1970 okazis vizito de nia kolego al la ĉefa direktoro de la radiostacio. La faktoj prezentitaj de J. Palu kaj kroma esperantisto tre interesis la direktoron kaj post demando pri la nombro da esperantistoj en Svedio li konsentis pri sendaĵo por Svedio, kiu okazis 23. 9. 1970. Je tiu evento la direkcio ricevis 25 leterojn el Svedio, kiuj instigis la direkcion al regulaj esperanto-elsendoj el Tallinn, kiuj okazas ĉiun antaŭlastan vendredon de la monato je 22.35 MET per ondolongoj 29om kaj 49.3 m.

Ni elkore gratulas niajn membrojn en soveta Estonio je tiuj sukcesoj kaj aparte nian lertan kaj nelacigeblan membron Johano Palu, Solme 21, Tallinn 16, kiu meritas ankaŭ viajn apartajn gratulojn. Ne forgesu enmeti en saman sendaĵon ankaŭ leteron al radio Tallinn.

*Norvegio:*

Jarkunveno por 1971 aranĝiĝis dimanĉe 21. 2. en Budor Turisthytte en Løten.

Alvenis salutoj, pere de la prezidanto, — de IFEF, de la sekcioj en la najbarlandoj, kaj de la germana IFEF-sekcio, kun agrabla invito al ĝia jarkunveno en Lübeck en oktobro ĉijare.

Ankaŭ Norvega Esperantista Ligo sendis saluton al la kunveno. De la elektoj oni redonas la plej gravajn postenojn: Prezidanto: Per Johan Krogstie (reelekto). Vicprez.: Erling A. Rygge, (reel.). Sekretario: Per Engen (reel.). Kasisto: Odd Kolbrek (reel.). Komitatano: Erling P. Næss, — sed ĉar li ne povas partopreni

en la ĉijara kongreso, oni elektis kiel lia anstataŭanto, Odd Kolbrek. La lastmenciita daŭre redaktos la «Fervojista Paĝo» en «Norvega Esperantisto» — la presorgano de NEFA.

*

Daŭrigo de paĝo 19.

## Informa....

Laŭ la landaj ili estas:

Aŭstrio 26, Belgio 18, Bulgario 15, Svisio 13, Ĉehoslov. 11, Germanio 77, Demokrata Germanio 1, Danio 4, Hispanio 36, Francio 58, Hungario 39, Italio 24, Norvegio 3, Nederl. 29, Polio 6, Rumanio 7, Svedio 12, Finnlando 2, Jugoslavio 65.

Inter la aliĝintoj estas 280 viroj kaj 165 virinoj, de tiuj emerituloj 60 viroj kaj 38 virinoj, do, aktivaj kongresanoj proksimume 220, ĉiuj aliaj estas aŭ emerituloj aŭ familianoj.

Por ekskursoj anoncis sin: Pohorje 251, Ptuj 252, Postojna 223, por postkongreso en Opatija 123.

*

## RECENZO

DISKO, Ciklo da skizoj de J. H. Rosbach, Dansk Esperanto Forlag, Åbyhøj 1970, 110 p., 21,5 cm.

Mi certigas vin, karaj legantoj, ke viajn pretendojn mi ne seniluziigos dirante rekte: legu la libron Disko de nia eminenta novelisto Rosbach.

La stilo estas flua kaj facile legebla; tiu ĉi fakto kune kun la streĉa enhavo katenigos vin ĝis ĝia lasta spiro.

Rosbach majstras (Auld prave deklaris, ke li estas nia S. Maugham) la metion prezenti fantazion per efektiva kaj ekscita teksaĵo, eĉ se vi dubas, ke tiu koincida fadenaro ne estas videbla. Sed vi estas devigita ĝin imagi kaj tiu ĉi senĉesa flirto de la aŭtoro kun fantazia kaj reala mondoj interplektadas tiel, ke eĉ fakto aspektas fabela. La talentplena tekniko de Rosbach kvazaŭ konas nek limon, nek elĉerpiĝon.

La kvalitoj kaj talento de Johan Hammond Rosbach pruvas, ke la esperantoliteraturo staras sur la firma bazo kaj sur la sama nivelo kun la naciaj.

*Zora Heide.*

**ANONCO**

## Europa feriosemajno

5.—11. 9. 1971 EN SVISIO



Bildkliŝo alsendita de E. Glättli.
*Panoramo pri Vierwaldstättersee.*

La feriosemajno 1971 okazos sur Fürigen apud Stansstad ĉe Vierwaldstättersee en Svisio.

La programo estas alloga, kun kursoj en Esperanto por komencantoj kaj progresintoj, film- kaj lumbildprezentadoj, kaj diversaj ekskursoj. Modestaj prezoj. Pliajn informojn donas: Ernst Glättli, Laurstr. 12. CH-5200 Brugg, Svisio.

---

La redaktfino por la venonta IF estas 5. 6. 1971.

Presita ĉe presejo A. Sæther A.s
N-2300 Hamar, Norvegio